59 Num. ★ Madrido - Aŭgusto-Septembro - 1922 ★ VI Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRATA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



TRE ARTA KADRO DE KAPELO DE LA KATEDRALO DE HUESCA

# VIVU ESPERANTUJO

Tiel, kiel mi esperis, okazis en Helsinki: *Interna Ideo, Esperantismo,* triumfis, per frata interkonsento celanta enkonduki kaj gvidi plibone la Esperantistaron por atingi la finan triumfon; naskiĝis Oficiala Esp. Organizo, t. e., Esperantujo:

I

«1. La naciaj societoj elektu Konstantan Reprezentantaron de la Naciaj Societoj (K. R.), kosistanta el unu reprezentanto de ĉiu nacia societo, kun nombro da voĉoj proporcia je la nombro de anoj, por kiu ĝi pagis kotizon al la kaso de la K. R. Tiu reprezentantaro starigos sian internan regularon. Ĝi povos havi Prezidanton kaj Ĝeneralan Sekretarion elektitajn ekstere de la Reprezentantaro. Ĝi zorgos pri la reciprokaj informado kaj kunlaborado de la naciaj societoj por komunaj celoj kaj pri ilia monsubteno al la komunaj Institucioj de la Esperantistaro.

2. La individuaj Esperantistoj grupiĝu internacie per aliĝo al Universala Esperanto Asocio, kiu disvastigas la ĝeneralan uzadon de la lingvo.

3. La Fakaj (teknikaj kaj profesiaj) Societoj grupigu la Esperantistojn por propagando kaj uzado en specialaj rondoj.

II

La Konstanta Reprezentantaro (K. R.) kaj Universala Esperanto Asocio (UEA) interkonsentos pri la elekto de

**Centra Esperanto-Komitato**

kiu konsistos el ses anoj, oficantaj dum tri jaroj kaj reelektotaj po du ĉiujare.

Tiu Centra Esperanto Komitato zorgos pri la ĝeneralaj interesoj de la movado. Ĝi starigas centran kason kaj por tio enspezas donancojn, kotizojn de kongresoj, kotizojn de Naciaj Societoj pere Reprezentantaro, kaj subvencion de UEA.

III

La Lingva Komitato estas sendependa, sed la Naciaj Societoj, UEA kaj la Fakaj Societoj povas prezenti kandidatojn al ĝi.

IV

La Centra Esperanto-Komitato decidas pri la okaziĝo de la Universalaj Kongresoj kaj komisias ilian organizon al

**Konstanta Kongresa Komisiono,**

kiu enhavos 2 reprezentantojn de la Centra Komitato, du anojn de la Loka Komitato de la estinta kongreso, du anojn de la Loka Komitato de la estonta kongreso, kaj du Kuratorojn de la kongresa kaso.

La Universala Kongresoj konsistas el:

solena malferma kunsido;

laboraj kunsidoj, en kiuj la oficialaj institucioj prezentas raportojn kaj aŭdas la rimarkojn kaj deziresprimojn de la kongresanoj;

fakaj kunsidoj;

kunsidoj de la diversaj oficialaj komitatoj aparte aŭ kune.

La Institucioj nomataj «oficialaj» estas:

la Lingva Komitato (L. K.) kaj ĝia Akademio,

la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K. R.),

la Universala Esperanto Asocio kun sia Komitato (UEA),

la Centra Esperanto-Komitato (C. K.) kun sia Konstanta Kongresa Komisiono (K. K. K.)

V

Krom la Universalaj Kongresoj povos obazi periode oficialaj teknikaj konferencoj, laŭ decido de la Centra Komitato, kiu tamen ne zorgos pri konferencoj politikaj aŭ religiaj.

VI

La oficialaj komunikoj de la oficialaj Institucioj estas publikigotaj pere de Esperantistaj gazetoj.

La oficialaj dokumentoj kaj raportoj estas publikigotaj per zorgo de la Centra Komitato en

**Oficiala Dokumentaro**

laŭ siaj nunaj formatoj.

VII

La nuna Komisiono pri Ĝenerala Organizo plenumos la oficon de la Centra Esperanto-Komitato ĝis la momento, kiam tiu Komitato estos elektita.»

Nepre necese estas, ke ni plenumu la decidon de Dudkeilo laŭ propono prezentita de mi kaj aprobita unuanime de la ĉeestantoj, kaj kiu diras:

«Konsiderante la Kunveno la nepran neceson alveni kiel eble plej rapide al starigo de perfekta organizaĵo kondukanta al la realigo pri oficialigo de Esperanto en la Ŝtato, kaj por atingi harmonian kunagadon por trafi tiun celon, oni decidas:

1.e Nomi la definitivan Komitaton por organizi la Konfederacion de Iberaj Esperantistoj, kiun definitive oni starigos en Madrid-Pardo, proksiman jaron, dum la I.a Kongreso.

2.e Restigi dum ĉi tiu jaro la nunajn organizaĵojn de la Iberaj Esperantistoj same, kiel ili estas nun, sed kunlaborante frate, aktive, intense, por la Kongreso, en kiu la dirita Konfederacio estos starigata.

3.e La Komitato konsistos el la Komitato organizinta Dudkeilon kaj el la voĉdonotoj de la Federacioj kaj aŭtonomaj organizoj nune starigitaj.»

Tial ke la Madrida-Kongreso ne povis okazi, kaj ke oni decidis okazigi la I.an en Valencio, proksiman jaron je majo, kaj ke dum ĝi oni devas fine plenumi la decidon de Dudkeilo; estas nepre necese, ke la Komitato organizinta Dudkeilon aranĝu kaj pretigu Oficialan Dokumentaron de Dudkeilo; ke la Federacioj kaj aŭtonomaj organizoj voĉdonu siajn reprezentantojn por la starigo de la Konfederacio. La Federacioj kaj aŭtonomaj organizoj, ĵus elektinte la reprezentantojn, komuniku al S-ro Manuel Maynar (San Juan, 4, Zaragoza), ĉar li estas Prezidinto de Dukkeilo; kaj la Komitato tuj agu por ke la Valencia Komitato por nia I.a sciu kaj agu por efektivigi la neprokrasteblan decidon de Dudkeilo kaj povi baldaŭ nin prezenti ĉe la tutmonda Oficiala Esp. Organizo, estante forta Unuiĝo en la Vario. Ni agu laŭ postulo de nova tempo por triumfo de Esperanto.

*J. M. R.*

---

## XIV.a Universala Kongreso de Esperanto

Laŭ sciigoj poŝtkarte senditaj de nia samideano kaj kunlaboranto S-ro Felikso Díez, kiu reprezentis oficiale la Ministron de Publika Instruado en la Kongreso, ĉi tiu eksterordinare sukcesis, spite de la malproksimeco, ne nur pro la nombro da ĉeestantoj el 32 nacioj, sed ankaŭ pro la laboro farita. Li promesas raporti pri siaj impresoj. La poŝtaj malfacilaĵoj pro la striko malpermesis al ni pli detalajn sciigojn.

---

## Trompanta Pacifismo

*La malbono neniam sin sentas satigata de malgrandaj krimoj; ĝi volas progresi kaj fari grandajn.*

*HEBBEL*

—Ĉu vi rimarkis?—mi demandis al iu el miaj amikoj plej karaj—. Anglujo malpligrandigas senkaŝe sian militilaron; Francujo faras samon; Usono haltigas la kons-

truadon de militŝipoj, kaj Japanujo sin montras favora je la interkonsentoj de la lastaj konferencoj. Ĉio anoncas, ke, je proksima dato, la senarmigado estos tute vera kaj ke ni eniros klare en la vojon realigontan la idealojn proklamitajn de Berta de Sutner.

—Trompanta iluzio!—respondis al mi la demandito—. La militstato estas tiel natura por la Homaro, kiel tiu de la submetiĝo por la brutaroj. Dum homoj ekzistu sur la planedsupraĵo, estos bataloj inter ili. La ŝajnanta paco nur estas preparado al alia plej kruela milito, pli sangelverŝonta ol ĉiuj, kiuj kondukis la naciojn al la ruino.

—Vi ne neos al mi—mi rediris—, ke oni observas, ke ĉiuj grandaj nacioj celas decidon malpligrandigi je minimumo siajn konstantajn militistarojn kaj mararmeojn. Tial, baldaŭ estos en la mondo malpli da kanonoj, malpli da kirasitaj ŝipoj...

—Nature—insistis mia amiko—. Ankaŭ, kiam oni elpensis la pulvon, oni malpligrandigis la nombron da sagoj kaj ŝtanĵetiloj. La militemaj popoloj forlasas pafilojn kaj militŝipojn, ĉar en la proksima milito ili utilos por nenio.

—Kion vi volas esprimi?

—Mi diras, ke la kirasitaj ŝipoj estos neutilaj antaŭ la submaraj ŝipoj; la kanonoj, sub la aeroplanoj; la pafiloj, pro la sufokantaj gasoj. Oni forlasas la neutilajn ilojn por la venonta milito; sed oni pensas pri la efikaj militiloj por la estonteco. Oni kredas pri la pacemo de Anglujo, tial ke ĝi ne ĵetas al la maro novajn «superdreadnougths»; sed en ĝiaj arsenaloj oni konstruas submarajn ŝipojn po centoj kaj miloj. Oni kredas, ke Francujo kaj Japanujo volas malaperigi la militon ĉar ili malpligrandigas siajn infanteriojn, sed tamen ili nombrigegas siajn aeroplanojn. Kiam oni aplaŭdas la regantojn de Usono pro sama kaŭzo, la lastá parolo de la usonaj elpensistoj estas la terurega fratmortigonta gaso «Wisither».

—Kaj kio estos tio?

—La gaso «Wisither» estas la plej potenca mortigilo, kiun ĝis nun povis elpensi la homo. Pli peza ol la aero, ĝi aliros al subteraj ĉambroj kaj nenio kaŝata ĉe la tero sin liberigos el ĝia efiko. Ĝi estas nevidebla kaj ne estas necese ĝin enspiri por suferi ĝian mortigan influon, ĉar sufiĉas ĝia kontakto. Ĝi detruas ĉion je radio de multaj kilometroj, kaj oni kalkulas, ke la tersupraĵo ĝin suferanta ne estos produktonta frukton dum sep jaroj de post la sufero. Ĉi tio estas la lasta diro de la kruelegeco.

—¡Kia teruro, ho ve!

—Kaj en ĉiuj nacioj, dum oni malpligrandigas la malnovajn armilojn kaj eĉ oni pensas forlasi ilin tute, oni studas, oni laboras, por trovi alian gason pli mortigan; ĉar en la nova milito ne estos nek pafiloj, nek lancoj, nek pistoloj, nek sabroj, sed flugantaj maŝinoj kiuj ĵetos sur la urbojn la ĝermojn de la ĥolero, de la pesto, de la tifo; sed submaraj ŝipoj detruontaj ĉion flosantan sur la maroj, kaj mortigantaj gasoj detruontaj fulme la soldatarojn plej nombrajn. La problemo konsistas scii, kiel oni ĵetos la peston sur la malamikan kampon. La armilo de la estonteco estas malgranda, sed nekvietigebla kaj pli terura ol ĉiuj per kiuj oni disvastigis la funebron tra la mondo: ĝi estas la mikrobo. Ĉu vi komprenas nun kial oni ne atentas pri pafiloj kaj kirasitaj ŝipoj? Hipokrite oni forlasas neutilajn ilojn por adopti iliajn anstataŭilojn por la novaj hombuĉadoj.



—Kia honto! —mi ekkriis. La noblaj militistoj, la sekvuloj de la sentimaj kavaliroj honoregaj, la sekvuloj de Bayardo, Ruy Díaz kaj Godofredo, certe rifuzus la novajn batalilojn, semantajn la detruon senriske. La honoraj homoj de ĉiuj landoj interkonsentos por neakcepti tiajn elpensojn neigantajn la heroismon, malebligantajn la kuraĝon kaj farantajn danĝera ĉian noblecon.

—Ne esperu tion—diris al mi mia amiko. Ĉio estas laŭ la kutimo. La primitivaj militistoj, kiuj batalis per hakiloj el siliko, certe konsideris la unuajn ĵetarmilojn mal-

noblaj kaj perfidaj: la sagon, la ŝtonon kaj eljetlancon. Fine, ili akceptis tiajn armilojn. Kion diris la plej kuraĝaj kavaliroj kiam aperis la unuaj fajro armiloj? Rememoru la *cervantesca* plendon. Ŝajnis malkuraĝe, ke kiu ajn kamparano, kaŝite, povus mortigi kuraĝan kavaliron; kiu estis iranta batali kap-kapen. Oni akceptis la novajn armilojn kaj oni laboradis por perfektigi ilin pli kaj pli. Iam la historio-pentristoj pentros anstataŭ la retiron de la Dek-miluloj aŭ la atakojn de la Kavalerio en Sedan, la heroecon de galonigata ĥemiisto alĵetante siajn nubojn el gasoj al urboj kaj vilaĝoj malamikaj, ĝis kiam nova elpensisto elpensos anstataŭi ilin ĵetante de maŝino fluganta je kelkaj kilometroj super la terkrusto la ĝermojn de malsanoj mortigantaj la loĝantarojn malamikajn de la urboj plej progresemaj.

—Ĉi tio estas terura kaj instigas min abomeni la Homaron!

—Kiu scias!—sentence diris mia amiko. Eble tiamaniere estos, kiel la milito finos definitive. La certeco pri la morto nepra de ĉiuj militantoj devigos la homojn ne obei eniri en alia lando. La teruraj iloj por la milito restos kiel defendiloj. Kiu scios ĉu perfektigante iujn elpensitaĵojn oni laboras por fari neeble submeti la ribelon!

— Kaj tiam...

—Ha, tiam!...—finis mia amiko serioziĝante kaj melankoliiĝante—. Tiam eble oni alvenos pensi, unuan fojon, serĉi la kaŭzintojn de ĉiuj militoj kaj nuligi por ĉiam iliajn malbonajn procedojn. Kaj eble ankaŭ oni estos elkaŝinta ion, kio provizos al ni suspektojn, ekkonojn pri nia destino postmorta, kiu devigos nin forlasi niajn mortigprocedojn kaj gvidos nin por esti bonaj kaj piaj pro timo, tial ke ni ne sciis nek volis esti bonaj kaj piaj pro homamo kaj kompato...

Hispane verkis,

*Antonio Zozaya*



# MANRESA

*(Daŭrigo.)*

La legendo atribuas la fondon de la urbo al Egipta Erkuleso, 2309 jarojn antaŭ Kristo, kaj ke ĝin alnomis li *Minorisa*; ke en tiu epoko la urbo staris inter la riveroj Llobregat kaj Cardoner, ĉe la kuniĝo de ambaŭ riveroj, proksime je unu mejlo de la nuna urbo; ke la keltoj de Narbono ĝin refondis kaj alnomis *Atana* aŭ *Atanagria*. Tertremo ĝin detruis; *Amilcar* denove ĝin restarigis, en ĝin li lokumis gentojn el Afriko regatajn de *Arnesto*, kvazaŭ la urbo kaj teritorio estu princlando, kaj *Amilcar* ĝin alnomis *Rubricata*. Je la morto de *Tersiconte*, oni elektis filon de *Indibil*, *Ascanio'n*; sed tial ke *Indibil* kaj *Mandonio*, heroaj princoj de la gento *ilergetes*, ribeligis Hispanujon kontraŭ la romanoj, *Escipión* detruis la urbon venkinte la ribeladon, dum kiu la romanoj mortigis Ascanio'n. Oni opinias, ke poste Escipion restarigis la urbon sur la lokon, en kiu nun ĝi staras. La moderna kritiko ne akceptas ĉi tiun detruon kaj restarigon. Vere oni ne scias la datojn de la fondo, ruino kaj refondo; tamen oni opinias, ke jam dum la tempoj de la roma Respubliko estis ĝi tute detruata. Oni opinias ankaŭ, ke kiam *Pompeyo* venis al Hispanujo por detrui la ŝtaton starigitan de la fama klera kaj sperta Sertorio, jam ekzistis la urbo, kiun tiam oni estis nomanta *Manrasa*, vorto rememoranta la unuan detruon tial ke la loko, sur kiu ĝi staris, restis post la detruo tutplene kvazaŭ kamparo. Ĝi estis grava urbo dum la romana epoko.

La Gotoj ruinigis ĝin, kaj, laŭ la kronikoj certigas, Recaredo restarigis la urbon. Pli feliĉa ĝi estis sub la araba regado dum 150 jaroj, ĝis kiam la ribelema kaj ambiciema Aizon reruinigis ĝin pro malamo al Francoj, kaj li estis perfida je sia patrujo. Baldaŭ ĝi renaskiĝis kaj fariĝis kvazaŭ arsenalo kaj fortikaĵo de la grafo Ramón Borrell, kiu ĉe ĝi organizis kaj provizis la militistaron, per kiu li reakiris Barcelono'n, kaj ĝi

pli ol alia urbo helpis la Grafon por tiu militentrepreno, pro kio la araboj denove ĝin detruis kaj ruinigis la kamparon. Sed same, kiel la «Fenikso», ĝi naskiĝis el cindroj kaj ruboj, kaj pri ĝia graveco atestas ĝiaj mezepokaj monumentoj.

Dum la milito kontraŭ Napoleono, la urbo multe suferis: je la 2.a de junio de 1808, ĝi ribelis kontraŭ Napoleono, kaj terure la manresanoj kaj aliaj katalunanoj venkis en la loko famkonata *Bruch* (Bruĉ) la Francojn. Malmultaj civitanoj el Manresa kaj aliaj vilaĝoj kun iuj oficiroj kaj soldatoj forkurintaj el garnizonoj, heroege sin kondutis batalante kontraŭ la spertegaj kaj bravaj soldatoj de la moderna cezaro, venkante ĉi tiujn. Pro ĉi tio, ia franca generalo Macdonald sin dirirektis komandante militistaron puni Manresan; li ĝin atakis kaj ĝin bruligis eĉ ne respektante la hospitalojn; sed tiaj estis la kuraĝaj, heroaj kaj obstinaj kontraŭatakoj de la urbanoj, helpantaj civitanoj de la ĉirkaŭaĵoj kaj malmultenombraj oficiroj kaj soldatoj, ke la generalo kun liaj korpusoj forkuris al Barcelono perdinte milon da soldatoj, kaj li suferis la atakojn de la katalunoj ĝis la pordoj mem de remparoj de Barcelono.

# El Publikigota Esperanta Lernolibro

## *de Julio Mangada Rosenörn*

Prepozicio esprimanta *staton* (*lokon*) *Kie?*

Supozu, ke pleto kuŝas sur tablo, ke la pleto entenas glason plenan je lakto, kulerukon respektive en la ekstremoj de linio perpendikla je la determinita de la kulero, kaj ke la peco da sukero kuŝas plej proksime je vi:

La glaso estas *ĉe* la pleto kaj *apud* la kulero; la lakto estas *en* la glaso, la kulero *inter* la glaso kaj la telero, *sur* kiu staras la



on, teleron, sur kiu kuŝas sukerujo, pecon da sukero kaj buŝtukon, kaj ke vi direktas vian manon preni la kovrilon de la sukerujo por malfermi ĝin; supozu: la glaso maldekstren de vi; dekstren, la sukerujon; inter la glaso kaj la sukerujo, en la sama linio, la kuleron; la pecon da sukero kaj la buŝ-

sukerujo, kaj tial *sub*ĉi tiu estas la telero, kaj ĉi tiu *sur* la pleto ĉi tiun tuŝante. La mano estas *super* la kovrilo de la sukerujo (ne tuŝante la kovrilon).

Koncerne la kuleron; la peco da sukero estas *antaŭ* antaŭ la kulero; la buŝtuko *post* kaj *trans* la kulero. Koncerne la sukerujon:

ĝia kovrilo, la telero kaj la mano, estas *ehster* la sukerujo. La glaso, la buŝtuko, la telero kaj la peco da sukero estas *ĉirkaŭ* la kulero. La sukerpeco estas *kontraŭ* la kulero.

Prepozicio esprimata *movon*, *direkton* (*loko*) *Kien?*

Supozu, ke militmaristoj pafadas grandajn kanonojn por praktiki de kirasita ŝipo: iuj kuglegoj iras (1) *de* la kanono (2) *al* flosanta celtabulo ne trafante ĝin; tuj, de la momento de pafo, kuglego eliras (3) *el* la kanono (*interne-ekstere*); iam, kuglego pasas (4) *super* la flosantan celtabulon; fojon, alia kuglego tuŝas (5) la marsupraĵon iomete *antaŭ* la flosantaĵo, kaj de tiu momento malmulte da tempo poste, la kuglego pro sia kurba irado kaj pro la paso de la aero en la akvon, la kuglego iras *sub* la flosantaĵon *ĝis* la fundo kaj, ĉi tiun atinginte, ĝi restas senmova, kaj tial ke la vertikala linio determinata de la kuŝanta kuglego estas pots la determinata de la flosantaĵo, la kuglego iris *trans* la celtabulon. Fojon, kuglego trafas la celtabulon (8), traboras ĝin kaj iras *preter* ĝin.




Supozu, ke inter la ŝipo kaj la flosantaĵo estas flosantsignalo, ke jam oni finis la pafpraktikon kaj ke estas necese treni la celtabulon al la ŝipo por ĝin dismunti kaj konservi por alia okazo. Por tio, vaporŝalupo iras *tra* la maro *de* l' flanko di la ŝipo, *preter* la flosantsignalon *en* flosantaĵon, ĉi tiun oni ligas per kablo al la vapor ŝalupo, kiu trenas ĝin *ĝis* la flanko de la ŝipo; la maristoj dismuntas la celtabulon kaj metas la erojn *sur* la ferdekon.

---

# Internacia Mondliteraturo por la tutmonda Esperantistaro

Kion ni devas legi?! Estas certe, ke ĉiu, iomete progresinte rilale la lernadon de «nia lingvo» bezonas la legadon de *internacia* literaturo, *ne* tradukaĵojn el sia *nacia* literaturo. Nia principo ja estas: Kun niaj samnacianoj ni parolu la gepatran lingvon, kun alilandanoj Esperanton, la neŭtralan mondhelplingvon! Do, jam pro tio neniu volonte legos la verkojn de sia nacia literaturo Esperantigitajn. Eble li faros tion pro la lingva ekzercado, pro lingva intereso, sed ne por havigi al si la ĝuon, kiun prezentas la originalo. Estas ankaŭ iomete danĝere, ĉiam legi Esperanto-tradukojn de samnacianoj, ĉar tiamaniere oni ne fariĝos tute lerta, perfekta Esperantisto, kiu scipovas eviti lingvajn naciismojn, tiamaniere oni ne akiros internacian stilon. Multe pli rekomendinde kaj preferinde estas la legado de verkoj, Esperantigitaj per samideanoj el aliaj nacioj. Sur ĉi tiu vojo nia stilo, nia vortfarado pliboniĝos, «nia Esperanto» fariĝos vere internacia. Kaj: legante la verkojn de alinacianoj ni enpenetros en la literaturo kulturon, kutimojn, movojn, vivon de aliajn popoloj. Tio estas nepre necesa, por ke ne nur ekstere, sed ankaŭ interne fariĝu hom-

oj «homaranecaj», kiuj povas senti kaj pensi kun la homoj de aliaj popoloj.

Dun la Geneve-a konferenco mi jam publike—kaj konsentite de ĉiuj ĉeestantoj—aludis la necesecon, krei entreprenon, per kiu ni povas ricevi por niaj kursoj, por niaj lernejoj, por niaj propraj liberaj horoj la plej bonajn verkojn de aliaj nacioj, bone Esperantigitajn.

Bedaŭrinde la fame konata firmao Hachette & Cie. en Paris ne plu eldonas Esperantajojn. Des pli salutinde estas la cirkonstanco, ke unu de la plej grandaj Germanaj eldonejoj, la firmao Hirt kaj filo en Leipzig, montras grandan intereson por nia movado; ĝi jam eldonis bonajn Esperantajojn kaj ĝi jam antaŭ kelkaj monatoj konsentis mian planon, krei specialan fakon por «Internacia Mondliteraturo».

Mi propenis jenajn principojn:

1. Oni akceptu nur verkojn, kiuj estas vere valoraj de sur literatura vidpunkto! Ĉu iu verko estas tia, pri tio decidu la samnacianoj mem de la elektota verkisto.

2. Oni komisiu la tradukon de iu ajn verko nur el ano de la sama nacio, el kies literaturo la verko apartenas!

3. Oni zorgu, ke kiel eble plej multaj—se eble ĉiuj civilizitaj—nacioj estu reprezentataj en la entrepreno de «Internacia Mondliteraturo»!

4. Oni komence elektu—por atingi la celon de la 3.a punkto—ne tro longajn verkojn!

5. Oni eldonu en unu volumo nur verkojn de unu aŭtoro kaj nomu la volumon laŭ li! ne laŭ la tradukinto, kio ŝajnas al mi tre malaprobinda kutimo.

6. Oni komence entreprenu tro multon! t. e. oni ne traduku ĉiuspecajn verkojn, sed—tion mi proponas pro la unua stato de nia movado—nur beletristikajn verkojn, ekz. novelojn, rakontojn, mallongajn romanojn k. c. Pli malfrue oni ja povas decidi pri la traduko de ekz. ĉiuspecaj sciencaj verkoj k. a.

La firmao Hirt kaj filo komisiis min, kiel direktoron de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, zorgi pri la efektiviĝo de la ideo de «Internacia Mondliteraturo» por la tutmonda Esperantistaro.

Mi des pli volonte agos laŭ ĉi komisio, ĉar mi mem jam de longa tempo treege deziris tian entreprenon. Ni celas per ĝi tute alion, ol kelkaj alilandaj samideanoj, kiuj volas disvastigi la literaturon de sia propra lando, por disvastigi la kulturon de sia lando. Ankaŭ aprobinda entrepreno, sed tute malsama! Ni volas disvastigi la tutmondan kulturon per la literaturo de kiel eble plej multaj landoj. Pro tio mi ĝojus, se mi baldaŭ ricevus respondojn, ĉu samideanoj el ĉiuj negermanaj nacioj volas helpi, por ke ni ricevu el ĉiu popolo kaj ĉiu literaturo valorajn verkojn Esperantigitajn, taŭgajn por nia celo. Kompreneble la firmao laŭdece rekompencos la laboron de la tradukantoj.

Mi petas, ke ĉiuj, kiuj volas partopreni al nia laboro, nepre necesa por la Esperantistaro, anoncu sian nomon kaj samtempe skribu, kion ili volas traduki. Estas plue rekomendinde, ke ili (se ili ne jam estas konataj kiel lertaj tradukistoj kaj Esperanto-stilistoj) poste sendu parton de sia tradukaĵo, laŭ kiu oni povas juĝi pri ilia lerteco; ĉar ni povas akcepti nur bonajn tradukojn. Sed certe en ĉiu nacio troviĝos sufiĉe da tiaj tradukistoj. Ĝis nun ni jam ricevis promesojn de kunlaborantoj el diversaj landoj. Helpu, por ke ni baldaŭ havu vere «internacian» kolekton, kolekton reprezentontan ĉiujn naciojn.

*Profesoro D-ro Dietterle*
Direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Respublico.

---

# Teozofio kaj Esperanto

## II

*La unua celo* estas: formi kernon de universala frateco inter la homoj, sen ia distingo pri kredo, sekso, aŭ koloro. Tion aspiras jam ĉiu samideano; ĝi estas pura Esperan-



SUBA PARTO DE LA ĈEFA PORTALO DE LA KATEDRALO DE HUESCA

tismo. Kaj tiu celo estas la sola, pri kiu estas ia morala devigo. Klopodadi al la efektivigo de tiu universala interfratigo estas la sola devo, kiun la Teozofio *postulas* ĉe siaj adeptoj.

*La dua celo* estas: Instigi al la kompara studado de la religioj, filozofioj kaj sciencoj. Tio sekvas el la unua celo; ĝi estas *Esperantismo aplikata.*

*La tria celo* estas: Esplori la neklarigitajn leĝojn de la Naturo kaj la kapablojn kaŝitajn en la homo. Tiun vojon eble ne samideano volus eniri, se almenaŭ oni konfesos, ke ĝi *estas* irebla. Ĝi estas ja nur tre interesa fako de la psikologio, kaj kiel la psikologio, ĝi povas—kaj devus—esti esplorata laŭ *tute scienca* metodo. Rimarku, ke oni ne parolas pri *super*naturaj fenomenoj, sed pri neklarigitaj *leĝoj de la Naturo*. Pri kapabloj kaŝitaj en la homo, frapantajn ekzemplojn live-

ras la eksperimentoj pri la hipnoto, kaj por la cetero, la Psikologio kiel scienco estas ankoraŭ en siaj infanaj jaroj.

Sed la *ĉefaj fundamentaj konceptoj* de la Teozofio, la leĝoj de la *Unueco*, de la *Karmo*, kaj de la *Reenkarniĝo*, ankaŭ ne prezentas mal facilaĵon por senantaŭjuĝa homo. La unua leĝo, tiu de la Unueco, laŭ kiu estaĵoj havas unu saman solidaran devenon kaj finon, estas vero profunde sentata de ĉiu. Tradukita en la vortojn de la socia etiko, ĝi diras: *La homaro estas granda familia rondo* de gefratoj, kelkaj pli aĝaj—saĝaj, kapablaj kaj gvidantaj kaj kelkaj junaj kaj infanaj—nekulturitaj kaj gvidindaj—sed ĉiuj fratoj, kaj ĉiuj kreskipovaj kaj progresontaj. Denove, pura Esperantismo.

La dua principo, la leĝo de la Karmo, estas rekonata kiel bazo de ĉiu scienco, sub la nomo: *leĝo de la kaŭzo kaj efiko*. Aldirite: Kiom homo semas, tion li rikoltos. Memevidentaĵo, kiun tamen ne ĉiu atentas.

La tria fundamentaĵo, la leĝo de la reenkarniĝo, trovas eĥon en la fizikaj sciencoj sub la formo de la principo de la *nedetruebleco de la materio*, laŭ kiu la materio submetiĝas al sinsekvaj ŝanĝiĝoj de la formo, kaj restas tamen materio. Ĉu malverŝajne estas, ke siaflanke ankaŭ la *forto*—kaj, kiel forto, ankaŭ la *homa volo* nedetruebla estas? Nu la reenkarniĝo diras, ke la homa spirito, tiu fokuso de nekalkuleblaj fortoj de entuziasma vivivolo, en la daŭro de longega estinteco trairis milojn da formoj: mineralaj, vegetaj, bestaj, por atingi la ŝtupon, ĉe kiu ĝi nun iras. Tion konfirmas la scienco per la granda ideo de la Evolucio. Ĉar la homo faris tiel longan vojon en la estinteco, ĉu malsaĝe estas esperi kaj fidi, ke estas rezervata al li plua progreso al ankoraŭ pli altaj ŝtupoj en la estonteco? Ke tiu spirito, kiu movas kaj uzas la materion, estas egale same nedetruebla, kiel la materio mem? Ke la homa animo, kiu kapablas al vastaj konceptoj pri senlima tempo kaj spaco, estas nur kaj sole tiu malgrandampleksa korpetoinstrumento, kiun li kelkjare uzas en ĉi tiu mondo? La intuicio nepre respondas, ke *ne* estas malsaĝe tion esperi kaj fidi.

Tiu inspiranta ideo de la reenkarniĝo, laŭ kiu la homo revenas fojon post fojo sur la teron, ne estas nova. Ĝin akceptis kaj instruis multaj antikvuloj, multaj kredis ĝin ĉe la frua Kristana Eklezio, kaj se oni devas fidi al la Nova Testamento, ĝin ne kontraŭdiris la Majstro Kristo mem. Hodiaŭ, ĝi estas ĉiutaga ideo ĉe milionoj da homoj en la Oriento. Sen ĝi, la okazoj kaj akcidentoj de la homa vivo estas nekompreneblaj, kaj oni estas devigata alpensi al la Natura Providenco malpli da justeco, ol al la homo mem. Kaj tio ĉar la homo estas mem naturerô, estas absurdaĵo. Akcepti la ideon de la Reenkarniĝo, kaj laŭ ĝi konformigi sian agadon, estas heligi sian vivon, kaj ankaŭ la vivon de aliaj, per senĉesa aŭroro de instigo kaj freŝigo.

Logika pluaĵo el tiu koncepto de la senfina progresado de ĉiuj estaĵoj estas, ke ekzistas homoj, kiuj irinte pli antaŭen sur tiu Vojo de la Evolucio, fariĝis pli-ol-homoj, malvolvis sentojn kaj kapablojn, kiujn la plejmulto ankoraŭ ne havas—«unuafruktaĵoj» de la homaro, pioniroj sur Vojo, kiun iam ni iros ĉiuj. Pri tiuj pli-ol-homoj, kiuj, kvazaŭ pli aĝaj Fratoj en la granda familia rondo, gvidadas kaj helpas la homaron en tiu aŭ alia maniero, estas renkontite en ĉiuj religioj jam de la tempo, kiam unue homoj estis.

Paroli pri tiaj aferoj en la dudeka jarcento, sendube al kelkaj ŝajnos naive kaj superstiĉe! Elmortis la Dioj...

Atentu tamen kion mi diris en la komenco pri unu el ĉefaj principoj de la Teozofio, nome, ke homo nenion akceptu, pri kio li ne plene konvinkiĝis per ĉiuj eblaj rimedoj de la racio kaj prudento! Memoru, ke la Teozofio havas nenian dogmon. Ĉio, kion ĝi diras, estas kontrolebla por ĉiu, kiu volas kontroli. En ĉiuj jarcentoj ni legas pri homoj, kiuj pretendis rilati kun tiuj Grandaj Estaĵoj, kiujn la Teozofio hodiaŭ nomas la Majstroj de la Saĝo, kaj ne mankas ankaŭ en la nuntempo fidindaj homoj, kiuj la sa-



GOTICA KLAŬSTRO DE LA KATEDRALO DE HUESCA

mon pretendas kaj faras, homoj, kiuj malvolvinte per persista provado kaj ekzercado siajn internajn sentojn, kaj irinte la tiel nomitan Vojon de la Iniciiĝo, akiris la kapablon percepti tiujn pli altajn estaĵojn. Kaj rimarku, eĉ tiuj pli-kapablaj pretendas al nenia aŭtoritato, kiun ne povas atingi ĉiu, kiu pruvas sin taŭga. Ilia plej kara deziro kaj klopodado estas, malfermi la Vojon de akíro al siaj pli junaj fratoj. Pri tiu Vojo aludas ĉiuj grandaj religioj, kaj ĝi estas ankoraŭ irebla. Sur ĝi ĉiu, kiu persiste, ame kaj respekte provos, trovos por si mem ĉian pruvon.

Tiu, kiu estas preta, akceptos la altajn ideojn de la Teozofio kiel ion por la plejsanktejo de sia koro. Kiu ankoraŭ ne volas akcepti, tiu povos tamen kun profito studi la Teozofion. Esplorante ĝin en la Esperantisma spirito de toleremeco, li trovos multon ideale kaj praktike utilan por la ordigo de la vivo, multon, kio klarigos aferojn,

kiujn eble li ĝis nun ne komprenis. Kaj fine, se la adepto persistos en sia iradlo, iam, malfermiĝos al li la Sankta Pordo al tiu Alta Vojo, la Vojo de la Iniciiĝo...

*William W. Mann*

Teozofia Esperanto Ligo—4, Square Rapp, París, VII.e —; Sekretario, S-ro Frantz -21, rue Alain Chartier, París XV.e —. Legu la broŝuron «Oficiala Resumo de la Teozofía Doktrino» kaj «Ĉe la Piedoj de la Majstro».

---

# La hundo de l' almozulo

I

Plumbokolora ĉielo, glacia vento, senfina ebenaĵo...

Vojeto, kiu ŝajnas forkonduki al la fino de l' mondo, kuŝas tra la ebenaĵo, kaj sur la vojeto—antaŭen! antaŭen! marŝas atomo, ĉifono, mizera almozulo, sekvata de hundo tiel mizera, tiel ĉifona, kiel li.

Kaj tiuj du ombroj kompatindaj, tiuj du punktoj—solaj estaĵoj sur tiu dezerta nemezurebla ebenaĵo—marŝas ĉiam antaŭen, antaŭen, antaŭen, foriras, malproksimeco ekigas ilin nevideblaj pro la ombroj de l' ĉielo, pro la ondoj de l' tero... fine oni ne vidas ilin...

II

Kaj dum tiu atomo pasadas la mondon, kiu ne vidas ĝin, kiu eĉ ne scias, ke tiu homo ekzistas, la hundo pripensas tiamaniere:

—Kiel granda estas la mondo!... Kaj la tuta mondo apartenas al mia mastro!... Kiel riĉa estas mia mastro!... Sendube li estas plej riĉa homo el la mondo!

Kiel kompate mi rigardas la ceterajn homojn, kiujn ni trovas! Kiom da mizero! Plejriĉuloj nur posedas la domon, kie ili vivas kaj dormas. Nenion pli! Tiu estas la parto de l' mondo. Tiun ili posedas. La cetero apartenas al mia mastro.

Iuj posedas ankaŭ ian bienon—ĝardenon, kampon, minon, fabrikon - kaj de tie, hejmen, kaj de la hejmo, tien. Nenion plu. Kiom da mizero!

Mia mastro, kontraŭe. Li ne vivas mallibere en ia el tiuj kaĝoj por homoj. Li vivas, kie li volas, ĉie. Ĉar ĉio estas lia!... Li iras kaj revenas libere, manĝas kie ajn, dormas kie li volas, ne kuŝe, sur malgranda meblaĉo, sed sur la tero, sur la tuta tero; ne sub malriĉa plafono, sed sub la ĉielo, sub la tuta ĉielo! Tial ke ĉio estas lia, kaj el ĉio li donas al mi.

Feliĉa mia mastro, kiu naskiĝis tiel riĉe! Feliĉa mi, kiu havas tian mastron!

III

Kaj sub tiu plumbokolora ĉielo, sur tiu senfina ebenaĵo—antaŭen, antaŭen, antaŭen—la homo kaj la hundo marŝadas, foriras, ekiĝas nevideblaj pro la ombroj de l' ĉielo, pro la ondoj de l' tero. Oni jam ne vidas ilin.

*Apeles Mestres*

Trad. *F. R.*

---

# ELĈERPITAĴO

En la jaro 1909 skribis en la memorlibron de ĉarma Esperantistino en Bilbao fremda samideano veninta el Tiflis la sekvantajn versojn, kiuj pro sia flua kaj agrabla stilo meritas esti legitaj de niaj legantoj:

«Mi hodiaŭ estas reĝo
ĉar aminda amas min;
mia trono - mia seĝo
apud mia amantin'.
Paradizo por la pastroj,
por famuloj - granda glor',
mono por la bonaj mastroj,
kaj por mi nur—via kor',»

Kopiis,

*Ed. Kühnl*

# ORFEO

Orfeo estis plej glora kantisto de l' antikveco. Kiam li la citron ludis kaj lia voĉo miksiĝis kun la kordsonorado, tiam venis la leonoj de l' arbaro kaj kuŝiĝis flateme apud liajn piedojn; la fontoj kaj riveretoj haltiĝis silente, la kverkoj malligiĝis de siaj radikoj kaj iris al li aŭskultante. Jen okazis ke lia juna edzino Eŭridiko, en rondo dancanta sur herbejo kun siaj amikinoj, estis en kalkano pikata de vipero venena kaj mortis. Senkonsola migris Orfeo, lia doloro elfluis torente en dolĉaj plendokantoj, de loko al loko, de lando al lando. Tiel alvenis li ĉe l' enirejo al Tartaro, kaj decidite, jen rekonduki la amatan edzinon el Ombrolando, jen partopreni ŝian sorton, kun la liro en mano malsupreniris la vojon al regno de la mortintoj. La potenco de l' kanto helpis lin venki ĉiujn danĝerojn kaj kortuŝita per lia kanto kaj lia amo donis al lia peto diino Persefono ĉi tiun respondon: Via edzino revenos en la vivon kaj vin sekvos: sed gardu vin ne pli frue direkti rigardon al ŝi ol vi troviĝos sur supra la mondo.

Dankeme kliniĝis Orfeo antaŭ la reĝino kaj vigle, per rapidaj paŝoj, reiris la vojon tra kiu li venis. Jam de malproksime li vidis krepuski la lumon de supra la mondo, subite lin atakis la timo kaj dubo, ĉu vere Eŭridiko sekvas tiajn paŝojn. Zorgoplene li ekvokis ŝin per ŝia nomo, nenia repondo tamen sukcesis, nenia paŝo post li estis aŭdebla. Orfeo ne plu sin povis reteni... returnis la kapon; sed en sama momento, kiam li deziris ĉirkaŭbraki la edzinon, antaŭ liaj okuloj ŝi malaperis por ĉiam.

Pento kaj malĝojo dismordis la koron de l' kantisto kaj lia mano neniam plu tuŝis la kordojn, el lia buŝo neniam eksonis plu kanto.

El germana originalo de Wilhelm Stoll tradukis,

*Felikso Díez*

---

# Esperanta Festo

Esperantista Klubo Palma (Mesquida, 6 — Palma de Mallorca) tute solene memorigis la 19.an de la jus pasinta julio la 15.an detrevenon de sia fondo. La kunveno estis entuziasma, fratiga kaj plena je ĉarmo kaj allogo: S-ro Johano Barceló legis la esperantan fabelon «La filino de la Feinoj; S ro Ribas de Pina legis pri la juneco de Zamenhof laŭ Privat (hispane kaj esperante); S ro Sebastián Ginàrd, esperantaj humorajojn; S-ro Johano Aguiles, kanton al Esp. (hispane); S-ro Agustín Fraŭ, satirojn kaj poeziojn (esperante); D ro Francisco Molinos, Esperanton en internaciaj sanigaj interrilatoj (hispane), iomete faris li historion pri la naskiĝo de Esperanto en Palma kaj fondo de la Klubo. Ĉe la Klubo estis esper ekspozicio kaj la 23.an okazis festeno en hotelo de la pentrinda kaj belega marbordo je ok kilometroj de Palma.

S-ro Barceló sukcese gvidas la esp-kurson por fraŭlinoj.

---

# Al la Hispanaj Gesamideanoj

Nemultaj konscias la gravecon de la nacilingvaj priesperantaj gazetoj. Tamen, tiu graveco estas reala fakto.

Konsiderante tion, la Barcelona Esperanta Societo (Rambla de Estudios, 12, Barcelona, eldonas de antaŭ kvar monatoj regule aperantan monatan hispanlingvan priesper-

antan gazeton, kiu estas sendâta senpage por propagando al gravaj institucioj, komercaj ĉambroj, konsulejoj, hoteloj, bibliotekoj, k. a., precipe en Hispanujo kaj Ameriko.

La dirita gazeto enhavas interesajn sciigojn pri la esperanta movado kaj progresoj en la tuta mondo, kaj, ĉar ĝi estas hispane verkita, ĝi povas esti legata ankaŭ de la varbota neesperantista hispana publiko.

Ĝi aperigis detalan raporton kaj manifeston de la Ĝeneva Instruista Konferenco, kaj estis sendata *inter alia*, kun enmetita cirkulero, al ĉiuj Asocioj de geinstruistoj de Hispanujo kaj al la fakaj instruistaj gazetoj.

Ni esperas, ke niaj samideanoj komprenos la gravecon de tiu afero kaj konsekvence helpos tiun sindonan, utilan kaj en ĝia speco nuran entreprenon. Minimuna jara donaco kun rajto ricevi la gazeton: 5 pesetoj. Petu senpagan specimenon de la Sekretario de la dirita Societo.

## MARSEILLE (Francujo)

ESPERANTO HEJMO ĵus malfermiĝis en Marseille, 43 Cours Joseoh Thierry en bela verde kaj blanke pentrita magazeno, al kiu la atenton altiras du kvinpintaj verdaj steloj.

Gvidate de nia bone konata Samideanino ROKSANO, ĝi celas fariĝi la hejmo de ĉiuj en Marseille loĝantaj aŭ trapasantaj Esperantistoj kaj la centro de la regiona propagando.

Tie nun troviĝas la Esperantista Oficejo, kiu antaŭe funkciis en tro malgranda ejo, 38, rue Consolat.

Plie Esperanto-Hejmo enhavas la delegitejon de U. E. A. kaj la sidejon de la Esperantista grupo de Marseille.

La grupan esperantan bibliotekon entenas granda ĉambro, kie ĉiu Samideano rajtos senpage legi librojn kaj gazetojn.

Esperanto-Hejmo estas ĉiutage kaj tuttage malfermita.

Ĝia telefona numero estas 33.78.

Neniu Esperantisto trapasu Marseille'on, ne vizitinte ESPERANTO-HEJMON, 43, Cours Joseph Thierry.

## BIBLIOGRAFIO

«Malgrandaj pensoj pri Grandaj Demandoj» estas artikolaro kaj leteraro de P-ro A. Dombrovski, 17 × 11 cm., 215 paĝa. Vere oni povas diri, ke ĉi tiu verko estas klasikaĵo de nia lingvo. La verkisto konstante sin dediĉis al «kara revo» kaj «plej alta idealo» siaj: unuigi la homaron per unu vera civilizacio, ĉe unu vera Krista Eklezio, kun Dio, per unu vera religio.



«La Malbonaj flankoj de Sporto kiel Anstataŭaĵo de fizika laboro rilate Higienon» de D-ro Juhan Vilms, tradukita de J. Vaht-Serl el estona lingvo. 20 1|2 × 14 1|2 cm.



La Brrtish Esp. Asocio ekeldonis kolekton el broŝuroj; 18 × 12 cm., 23 paĝaj estas la I.ª (La Eksperimento de Eccles) kaj la II.ª (Unua Kursa Legollbro). La I.ª entenas antaŭparolon de S-ro W. M. Page kaj la simplan kaj tre taŭgan instrumetodon de Elizabeth Hogg (prezo 1 p.—4 respondkuponojn). La II.ª, de S-ro W. M. Page, estas kolekto de anekdotoj kaj spritaĵoj, per kiuj la aŭtoro liveras al instruistoj tre taŭgan kunulon de la unua lernolibro. La stilo estas tre simpla kaj fundamenta (prezo: 1 p.—kvar respondkuponojn). Ĉi tiujn du broŝurojn le recenzisto rekomendas por komencantoj precipe por infanoj kaj knaboj.



«Rakontoj el la Biblio», laŭ la traduko de la Majstro estas elĉerpitaĵo de «British Esperantist», kaj venâs satigi la Esperantistojn dum la Biblia Komitato Esperantista donos al ni la plenan tradukon de la Malnova Testamento. La libron 16 1|2 × 10 1|2 cm., 80 paĝa (1 ŝ 4 p.—sep respondkuponojn) eldonis British Esper. Asocio, tre bone presita sur bonega papero.



«La demando pri la plibonigo de la Muzikskribo kaj ĝia solvo per la Aŭtonoma Muziknotado» estas kajero okpaĝa 15 × 22 centimetroj, pritraktanta superecon de «Aŭtonoma Muziknotado» de S-ro Jean Hautstont; kaj laŭ opinio de nia samideano S-ro L. Cogen, ĉi tiu «Aŭtonoma Muziknotado» estas por la muziko kvazaŭ Esperanto.



«Devoj de la Homo». - Jen esperanta eldono de belega libro por ĉiuj progresemuloj, de la fama itala revoluciemulo Giuseppe Mazzini. Ĝin eldonis la Laborista Esperanta Grupo de Ĝenovo - Via S. Luca, 4-2—; kaj ĝin tradukis Mikaelo Arabeno. La libro estas 164 paĝa, 11 × 16 cm. Laŭdinda estas la entrepreno de niaj italaj samideanoj liverante al la Esperantistaro la legindan libron de tiu, kiu sin turnante al la italaj laboristoj diris fine: «... vi, bonaj kaj ne difektitaj de la malvera scienco aŭ de riĉeco, komprenos baldaŭ ke ĉiu via *rajto* nur povas esti frukto je plenumita *devo*».



Dua Kursa Legolibro.—Ĝin kompilis nia sperta samideano W. M. Page kaj ĝin eldonis Brita Esp. Asocio. Ĝi entenas anekdotojn kaj humoraĵojn elektitajn; ĝi estas 24 paĝa kaj 12 × 18 cm.



Germana-Esperanta Esprimaro laŭ la Proverbaro Esperanta de D-ro L. L. Zamenhof, 55 paĝa, 12 1|2 × 18 1|2 cm., de Karl Minor, eldonita de Esperanto Verlag Friedrich Ellersiek—Berlin-Dresden, prezo 20 m., entenas 489 proverbojn.



Esperanto In Twelve Lessons estas angla praktika lernolibro de nia lingvo, en dekdu lecionoj, 50 paĝa, 12 1|2 × 18 1|2 cm., eldonita de Brita Esp. Asocio. 17 Hart Street. London, W. C. 1.



Venezia kaj la XIII.a Internacia Arta Ekspozicio estas 17 × 24 1|2 cm., ilustrita kajero, 8 paĝa. Ĝin eldonis la Esp. Grupo L. L. Zamenhof de Venezio (S. Luka 4115).

# TRA LA MONDO

**Arĥeologiaj elkovroj.**—Pastro Hosten ĵus faris arĥeologiajn elkovrojn, kiuj atestas la ekzistadon de Kristanismo en Hindujo, de la tempo de la apostoloj.

Ĉe la marbordo de Madras li trovis tre antikvajn statuojn romanajn kaj grekajn. La elkovroj faras verŝajna la antikvan tradicion, kiu atribuas al Sankta Tomas esti kristaniginta Hindujon.



**Transsendado de energio.**—Rumana inĝeniero, S-ro Constantinescu, faris eksperimentojn ĉe la «Royal Society» de Londono, pri nova maniero transsendi energion. Li studis kaj profitis la meĥanikan energion, kiun produktas elastaj elementoj, kiam oni vibrigadas ĉi tiujn.

Ŝajnas, ke la ĉefa problemo solvita de la rumana inĝeniero estas produkti ĉe la ekstremo de hidraŭlika tubo fortan vibradon kaj transformi ĉi tiujn je profitebla energio meĥanika ĉe la alia ekstremo; kaj ĉi tio signifas transsendi energion je distanco per

duobla transformiĝo de la meĥanika energio je vibrado, kaj de la vibrado je meĥanika energio. La procedo estas rimarkinde simila je transporto de energio per alternaj elektraj fluoj: Ĉe la origino jen akvosalto, vaporo, motoro, k. c., kiu transformas energion je elektro; ĉe la ekstremo; jen motoro transformanta la elektron je energio meĥanika.

La eksperimentoj de Constantinescu prezentas vastan kampon de aplikado; kaj de la vidpunkto scienca, industria, k. c., ĝi faros veran revolucion. En Anglujo, jam oni konstruis motorojn laŭ teorioj de la rumana inĝeniero, pli malkaraj ol la elektraj, pli malpezaj malpli danĝeraj, kaj la aparatoj por ilin regi kaj inspekti ankaŭ pli malkaraj ol la elektraj.

La procedo ne povas anstataŭi la energion elektran por longaj distancoj, sed oni povas ĝin uzi kombinata kun tiu. Ĝi povas atingi solan ĉirkaŭiron dum unu minuto, kio estas neebla al elektra motoro.

Oni povas apliki la procedon, kiel organon, por ŝanĝi la rapidecon de la eksplodiĝantaj motoroj, kiel regulilojn de rapideco en la trenado, kiel regantajn aparatojn de la aeroplanaj helicoj. La rumana inĝeniero konstruis motoron por aeroplano, forta je 180 ĉevaloj; kiu nur pezas 30 kilogramojn.



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid